# La Amsterdama Katedro



2015 © Peeter Aitai

## Esperanto en kursoj kaj paroladoj

*En la periodo ekde Junio ĝis Septembro 2015 okazis multaj eventoj. En Junio okazis prelego pri la lingvoj inventitaj de Tolkien, kiu substance altigis la nombron de la studentoj pri Interlingvistiko en Septembro ĝis rekordo. Dum somero, la katedrulo partoprenis por la unua fojo (vere!) en Universala Kongreso. Tiu evento estis simbole grava ĉar ĝi okazis en Lillo, sufiĉe proksime al Bulonjo-ĉe-Maro, kie okazis la unua UK, kaj la agado de la katedro iĝis konata de multaj esperantistoj. La efikoj de la inaŭgura parolado ankoraŭ ne ĉesis. Je la fino de Septembro, la katedrulo prezentis Esperanton ĉe la tielnomata Lingvoteraso de la Drongo-festivalo.*

Foto: Federico GOBBO kun Fabrício VALLE en la 100a UK en Lillo.

## Interlingvistiko en Amsterdamo: rekorda nombro da studentoj

de F. GOBBO[1]

KIAM MI KATEDRULIĜIS, la 1an de Februaro 2014, mi donis kurson de Interlingvistiko al nur kvar studentoj. Falo en la nombro de la studentoj estas sufiĉe antaŭvidebla kiam estiĝas nova profesoro. Krome, estis grava lingva ŝanĝo en la lingvo de instruado. Fakte, male al mia antaŭulo, kiuj ĉiam instruis nederlande, kaj uzis memfaritan materialon en la nederlanda, mi instruas en la angla. Tiu lingva ŝanĝo kompreneble ŝanĝis la publikon, ĉar la kurso estas nedeviga, kaj ĉiuj bakalaŭraj studentoj en la Fakultato de Humanistiko rajtas ĝin elekti, ne nur studentoj de lingvistiko.

La legantoj de la bulteno *La Amsterdama Katedro* scias, ke la sekvaj kursoj iĝis pli popularaj ol la unua: kaj la kurso de Interlingvistiko kaj tiu de Esperanto lastjare havis pli ol dek studentoj. Kadre de la Fakultato, kaj specife el la perspektivo de la instruado de la tiel nomataj *kleine talen* (malgrandaj lingvoj), temas pri bonaj nombroj.[2] Por kompari, la tuta studentaro de la itala lingvo estas nur la duoblo, kaj la araba, la kataluna kaj la pola ne atingas po dek studentojn jare.

Ne ekzistas devigo sekvi ambaŭ kursojn de Interlingvistiko kaj Esperanto: la unua havas teorieman karakteron, dum la dua estas esence lingva kurso, kun parto dediĉita al la Esperanta kulturo. La lastan akademian jaron[3] mi konstatis, ke malmultaj sekvis ambaŭ kursojn ĝis nun, esence pro nescio de la situacio.

Pro tio la lastan akademian

[1] Ĉi tiu teksto baldaŭ aperos – eble iom modifita – en *Fenikso*, oficiala bulteno de *Esperanto Nederland*. Oni dankas Gerrit Berveling por la invito kontribui pri tiu ĉi temo.

[2] En la n-ro 28 de ĉi-tiu bulteno, mi klarigis la rilaton inter la malgrandaj lingvoj kaj la studenta protesto.

[3] Per tiu ĉi esprimo, mi celas la jaron de la universitata vivo, kiu komenciĝas ekde Septembro. Mi scias, ke en Esperanto la adjektivo 'akademia' rilatas preskaŭ nur al la Akademio de Esperanto aŭ al AIS. Sed ni devas malfermi niajn okulojn kaj konscii ke ekstere ekzistas multaj akademioj, eĉ se ne esperantistaj.

[4] Kompleta listo de studentaj asocioj en Nederlando legeblas ĉe la nederlanda vikipedio:

jaron mi kontaktis diversajn studentajn asociojn.[4] Ĉe la Universitato de Amsterdamo, aŭ almenaŭ en la Fakultato de Humanistiko, la plejmulto de la studentoj estas membroj de iu studenta asocio, normale ligita al la ĉefa studotemo de la studado mem.

Mi havis kontaktojn kun diversaj asocioj: mi prelegis ĉe *VOS*[5], kiu grupigas la studentojn pri lingvistiko (inkluzive de signolingvistiko), kaj *Etcetera*[6], kiu grupigas tiujn de anglistiko; krome, mi konis studentojn de *Helios*[7] (nederlandistiko) kaj de *Convivio*[8] (italistiko). Aparte sukcesa estis la evento organizita de *Etcetera* kune kun *Unquedor*,[9] la Tolkiena nederlanda asocio, kie mi prelegis kune kun kolego pri nuntempa populara kulturo en la centra sidejo de la publika biblioteko en Amsterdamo. Tiun vesperon en salono *Doelenzaal* ĉeestis pil ol 80 homoj, inter ili multaj studentoj de la universitato.[10]

Pro tio, mi atendis kreskon de la nombro de la studentoj de la kurso pri Interlingvistiko kiu komenciĝis en la fruaj tagoj de Septembro. Sed la rezultoj superis miajn plej optimismajn antaŭvidojn: post du semajnoj, studentoj devas findecidi kion sekvi, kaj restis 32 homoj.[11] Tiu nombro estas absoluta rekordo: laŭ la statistikoj aperintaj en la bulteno *La Amsterdama Katedro* n-ro 23, Septembro 2013, ĝis nun Interlingvistikon sekvis maksimume 15 studentoj, malpli ol duono de la ĉi-jara nombro.

La studentoj venas de diversaj fakoj: du trionoj estas nederlandanoj, kiuj studas ĝenerale anglistikon, nederlandistikon, aŭ lingvistikon, dum la cetera triono estas konsistas el Erasmus-studentoj, alivorte nenederlandanoj kiuj studas por unu aŭ du semestroj ĉe la Universitato de Amsterdamo. Ili venas de Pollando, Hispanio, Kanado, Italio kaj Grekio.

## Esploraj agadoj

de F. GOBBO

SOMERO NE ESTAS impona sezono rilate al la esplorrezultoj: malmultaj publikaĵoj aperas tiam. Efektive la katedrulo atendas ankoraŭ la publikigon de multaj esploraj kontribuoj jam akceptitaj de monatoj. Ekzemple, la ĉapitro verkita post la prelego ĉe la seminario de la projekto *RECODE* (vidu la antaŭajn numerojn de ĉi tiu bulteno) ankoraŭ ne estas publikigita. La 23-an de septembro la redaktoroj sciigis al la kontribuintoj, ke certe la volumo ne aperos en la jaro 2015 – nun, ni almenaŭ esperu por la jaro 2016.

La fakartikolo ĉe la revuo de la Montessori-asocio aperos antaŭ la fino de la nuna jaro, laŭ la promesoj de la arkivistino Carolina Montessori.

Dum la UK en Lillo, furorvendaĵo estis la speciala volumo de la revuo *INDECS*, en kiu estas kontribuo de la katedrulo, pri Esperanto kaj per-aŭtomata tradukado.

La ĉapitro pri komplekseco kaj planlingvoj en faka libro farita de la esplorgrupo en ACLC de la universitato – jam plurfoje menciita en ĉi-tiu bulteno – trapasis la duan reviziadon. La samrangula reviziado de la kolegoj kiuj ne membras ACLC (fakte, la tria reviziado) okazos en Novembro kaj do certe la volumo ne aperos en 2015.

La ĉapitro pri leksikologio de Esperanto en enciklopedia verko eldone de Springer ankoraŭ ne pretas, kaj neniu scias ion ajn pri la tempoj de la verko mem, ĉar la redaktantoj ne komunikas ion ajn al la kontribuintoj dum monatoj.

Espereble en decembro aperos fakartikolo pri multlingveco ĉe la revuo *JKI* (*Język, Komunkacja, Informacja*, pola akronimo por 'lingvo, komunikado, informado') kies ĉefredaktoro estas la kolegino OProf Ilona KOUTNY (Universitato de Poznano).

La kunlaborado kun la eldonejo Brill pere de la lingvistika bibliografio daŭras seninterrompe.

Ĉiuj tiuj kontribuaĵoj estas en la angla lingvo.

## Informade al studentoj

de F. GOBBO

KIEL SKRIBITE en la supra teksto por *Fenikso*, la informa agado ĉe la studentoj tre gravas por havi plenan ĉambron de studentoj. Aparte gravis la vespero organizita de la studentoj pri la angla lingvo, la plej granda grupo de la tuta Fakultato: almenaŭ ok rekte-nerekte venis al la kurso pri Interlingvistiko pro la Tolkien-evento.

https://nl.wikipedia.org/wiki/Lijst_van_universitaire_studieverenigingen#Amsterdam

[5]Vidu la retejon en la nederlanda: http://vosweb.nl/.

[6]Vidu la retejon en la angla: http://www.sv-etc.nl/. Ekranfotaĵo videblas je la fino de ĉi-tiu bultena numero.

[7]Vidu la retejon en la nederlanda: http://heliosamsterdam.nl/.

[8]Vidu la retejon en la nederlanda, kun titoloj en la itala: http://studieverenigingconvivio.nl/.

[9]Vidu la retejon en la nederlanda: http://www.unquendor.nl/.

[10]Pli da detaloj ĉi-sube. Estis ankaŭ kontakto kun SES, la studenta asocio pri Eŭropaj Studoj, sed bedaŭrinde ni ne sukcesis trovi konsenton pri prelego ĉe ili.

[11]Hodiaŭ unu studentino, Lana ARKEMA, decidis forlasi la klason pro personaj kialoj. Eĉ se iu alia forlasos (foje okazas) la rekordo ĉiukaze restas tia.



*Foto de la salono dum la Tolkien-vespero*

Eble pli da detaloj povas interesi la legantojn. La katedrulo prelegis dum 45 minutoj pri la lingvoj inventitaj de Tolkien kaj la rilato kun liaj studoj pri la moderna kaj nemoderna angla, kun aparta mencio pri la opinioj de la brita verkisto pri Esperanto. La kolego de mi parolis pri la tradukado de la libroj (*La hobito* kaj *La Mastro de l' Ringoj*) en la Holivudaj filmoj, komentante la problemojn adapti la enhavon al la politika korekteco de tipa baspa[12] pensmaniero. La salono estis plenŝtopita: la organizanto kaj kelkaj samjaranoj[13] partoprenis poste la kurson pri Interlingvistiko, kaj espereble ili ankaŭ decidos sekvi tiun pri Esperanto.

## Informade internacie

de F. GOBBO

EN LILLO OKAZIS LA CENTA UK , la plej granda de ĉi-tiu jarmilo. Tie, la katedrulo multe aktiviĝis por diskonigi formale kaj neformale la agadon ĉe la Amsterdama Katedro. Fakte bone efikis la artikol-serio publikigita en la revuo *Esperanto*: danke al tio, nekonatoj jam sciis iom pri la temo kaj tiel ili interesiĝis pri la agado en Amsterdamo.




*La bonveno de Lillo al la kongresanoj ĉe la urba stacidomo*

Formale, la katedrulo partoprenis en kvar momentoj dum la UK. Unue, li prelegis kadre de la Esperantologia Konferenco (EK), kie li laŭ invito prezentis siajn ideojn pri la estonteco de la fako;[14]. Due, lige al la EK, li prezentis afiŝon kunaŭtorigita kun Irene CALIGARIS, kiu defendis sian magistran disertaĵon en Esperantologio ĉe la Universitato de Torino en Julio, kun la katedrulo kiel referanto.[15]

Trie, li partoprenis la eventon "la Akademio respondas", estante mem korespondanto de la Akademio de Esperanto. Tiuj ĉi tri eventoj estis ligitaj rekte al la kerno de la katedro. Krome, li prezentis prelegon ĉe la Internacia Kongresa Universitato (IKU) pri nuntempa Artefarita Inteligenteco[16] postsekvata de kompleta kurso valida por AIS (Akademio Internacia de la Sciencoj Sanmarino)[17]. Malgraŭ la malfacilaĵoj pro lastminuta ŝanĝo de la programo kaj la fora ejo de la kurso, la partoprenantoj ŝajnis tre kontentaj. Kompreneble ekster la kurso alvenis multaj demandoj pri la agado en Amsterdamo kaj aparte pri la eblecoj kunlabori aŭ tie studi.

## Informade naci-nivele

de F. GOBBO

SAMKIEL LA LASTAN JARON, la katedrulo kunlaboris kun *Esperanto Nederland* en la pretigo de la Drongo-festivalo,[18] la plej granda lingvofestivalo de Nederlando. Ĉi-jare la festivalo okazis en Utreĥto, en porfoira ejo nomata *Jaarbeurs*, kie la nederlanda asocio pretigis informbudon.




*La informbudo ĉe Drongo (fotis Andries Hovinga)*

Dum la du tagoj, la informbudanoj disdonis ĉirkaŭ 300 libromarkilojn en la nederlanda lingvo. Krom tiuj, alvenis ankaŭ nenederlandanoj demandantaj pri la lingvo kaj kulturo de Esperanto. Al ĉiuj la katedrulo respondis Esperante: li estis alparolata en la nederlanda, angla, germana, itala, hispana kaj brazil-portugala. Kompreneble la konversacio restis je baza nivelo, tamen ĝi montris realan uzon de Esperanto. Inter ili distingiĝis usonano de Filadelfio, kiu sinfilmis kaj retigis la videon en Jutubo[19], kaj 16-jara nederlanda lernejanino, Elly LEWIN, kiu intencas verki mem

[12]Baspa: esperantigo de la usonangla esprimo *WASP*, Blanka Anglo-Saksa Protestanta, uzata de jaroj en la revuo *La Gazeto*.

[13]Samjaranoj: studentoj kiuj komencis sekvi la universitaton en la sama jaro, kaj formas grupon dum la 3- aŭ 5-jara studado.

[14]Lumbildoj estas je ĉies dispono ĉi tie: http://www.slideshare.net/goberiko/kien-estas-iranta-esperantologio-defioj-kaj-proponoj-por-la-usa-estonteco.

[15]La temo estis enketo pri plurlingveco kaj lingvoidenteco de la Esperanto-parolantoj; partoprenis 93 homoj kiuj ĉeestis la Italiajn kunvenojn en Kastelsardo (IJF, Sardujo) kaj en Fajdelapaganelo (provinco de Trento). La afiŝo estos videbla pli sube.

[16]Lumbildoj estas je ĉies dispono ĉi tie: http://www.slideshare.net/goberiko/kien-iras-artefarita-inteligenteco-leciono-13.

[17]La katedrulo estis informita la 15-an de Septembro, ke en Rimini la Ĝenerala Asembleo de AIS nomumis lin kaj Michele Gazzola senatanoj, t.e. estraranoj de la Scienca Sektoro, por la periodo 2016-2019.

[18]Interesatoj kiuj scipovas legi la nederlandan – kaj/aŭ la anglan – konsultu la oficialan retejon: http://www.drongofestival.nl/.

[19]Temas pri poligloto kiu havas Jutuban kanalon nomatan *The Linguistic Flow*. La retejadreso de la video estas: https://youtu.be/w4E_4cQ-wk8.

Figuro 1: El la indekso de la revuo INDECS

diplomlaboraĵon pri la kialoj lerni Esperanton hodiaŭ. Ŝi restis en kontakto kun la katedrulo.[20]

Interese, almenaŭ dekono de la interesatoj kiuj alproksimiĝis al la budo (do plimalpli 30-40 homoj) jam paroletis Esperanton danke al la reta kurso Duolingo, la vera Esperanta furoraĵo de la nuna jaro.[21]

La katedrulo prezentis la lingvon kaj kulturon de Esperanto rekte en la lingvo mem dum la tielnomata 'lingvoteraso' (*taalterras*). Temis pri loko kie registritaj asocioj aŭ institucioj povis prezentis sian agadon en 15 minutoj. La evento estis filmita de profesiulo kaj baldaŭ estos enmetita en la Jutuba kanalo de *Esperanto Nederland* (vidu Figuron **??** en venonta paĝo).




*Tviteraĵo pri Esperanto en la Drongo-Festivalo 2015*

La Tvitera konto de la Drongo-festivalo retviteris informeron pri la lingvoteraso, kiu atingis perrete preskaŭ mil interesatojn. Fine, la katedrulo partoprenis propravole en konkurso pri multlingvaj poemoj en la festivalo mem, kun simbola premio. Ni atendu kaj esperu.

## Aliaj informadaj agadoj

de F. GOBBO

NE ĈESAS la postefikoj de la inaŭgura parolado. Eksstudentino pri lingvistiko – nun lingvistika kolegino ĉe la Universitato de Utreĥto – Sterre LEUFKENS, estas verkanta libron en la nederlanda pri lingvoj, kiu supozeble estos populara, kaj mencios Esperanton eksplicite.[22]

La intervjuo fare de Tessel RIJNEVELDSHOEK por la magazino *Writer's Block*, menciita en la pasinta numero de ĉi-tiu bulteno aperis en Junio.

La bulteno *KAT-blad* n-ro 107 nederlandlingve intervjuis la tri studentinojn, kiuj kune ellaboris la antikvan lingvon de la romanserio *Eragon* jam menciita en la antaŭaj numeroj de *L' A'dama Kat'* (vidu Figuron sube).




*Papera versio de la inaŭgura parolado*

Fine, la novaĵbulteno de la Fakultato, *Nwsbrf*, iom malrapide aperigis kolumnon pri la enhavo de la inaŭgura parolado, en n-ro 179, Junio 2015 (Vidu Figuron sube). Bonŝance la papera versio de la teksto – jam publikigita rete antaŭ multaj monatoj – aperis antaŭ la fino de Julio, tiel ke la katedrulo povis disdoni ekzemplerojn al la tieaj interesatoj kaj disponigi ĝin ĉe la libroservo.



**Er is hoop voor het Esperanto**

Op 8 april stelt **Federico Gobbo**, hoogleraar Interlinguïstiek en Esperanto, op Kennislink dat niet alleen de taal, maar ook de cultuur van de Esperantobeweging erg levendig is. 'Hoewel het Esperanto nooit een wereldtaal is geworden, is het ook in 2015 een taal die nog altijd gebruikt én overgedragen wordt. Binnen een select gezelschap weliswaar, maar ze zijn er: mensen die hun kinderen in Esperanto opvoeden. Alle Esperantosprekers zijn overigens tweetalig, weet Gobbo, en een groot aantal is zelfs polyglot. Dat betekent dat ze een groot aantal talen beheersen.' Bovendien meent Gobbo dat 'het Esperanto een belangrijke rol kan gaan spelen in taalonderwijs. Door met Esperanto in aanraking te komen, kunnen leerlingen op de lagere school op metaniveau leren nadenken over hoe taal in elkaar steekt. Op een Montessorischool in Milaan loopt al een experiment onder zijn supervisie. Er blijft dan ook nog genoeg te onderzoeken aan de taal én de cultuur van het Esperanto.'

*Nwsbrf, n. 179, 06.2015 pri la inaŭgura parolado*

[20] Ŝi decidis lerni la lingvon interrete por pretigi sian diplomlaboraĵon (*profielwerkstuk*, nederlande, pli precize por *VWO*) kaj flue parolis, malgraŭ ke ŝi neniam renkontis Esperanto-parolanton realmonde antaŭ la Drongo-festivalo!

[21] Vidu la retejadreson: https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online. Je la tago 12 oktobro 2015, la lernantoj estis 160 mil, certe la plej granda klaso de Esperanto-lernantoj en la tuta historio!

[22] La universitata retejo de ŝi estas: http://www.uu.nl/gw/medewerkers/SCLeufkens. Ŝi ankaŭ aŭtoras lingvoblogon (*taalblog*) en la nederlanda kiu estas sufiĉe populara en la lando: http://milfje.blogspot.nl/.







Figuro 2: Du momentoj de la Drongo-festivalo

# «*Mi ne identiĝas kun nenia nacieco, mi estas de la monda nacieco.*»
## Enketo pri plurlingveco kaj lingvoidenteco de la Esperanto-parolantoj


Irene CALIGARIS
*Universitato de Torino*

Federico GOBBO
*Univ. de Amsterdamo / Milano-Bicocca / Torino*


*Enkonduko*

En la jaro 2014 okazis du internaciaj kunvenoj en Italio, la Internacia Junulara Festivalo en Kastelsardo, Sardujo, kaj la Itala Kongreso de Esperanto, en Fajdelapaganelo, Trento. Volontuloj povis partopreni la enketon per respondado de demandaro pri siaj plurlingveco kaj lingvo-identeco, kompreneble en anonima formo.

Partoprenis entute 93 homoj: 28 en Kastelsardo kaj 65 en Fajdelapaganelo. Estis entute 44 demandoj en 8 paĝoj, ĉefe pri la lingva repertuaro, la uzo kaj ideologio lige al Esperanto. Kelkaj demandoj estis malfermaj (libere per priskribaj respondoj), aliaj fermaj (ekz. per cifero kiu montru la nivelon de samopinieco kun la proponita aserto). Partoprenantoj havis la ŝancon starigi klarigajn demandojn al la esploristino kiu ĉeestis ambaŭ kunvenojn.

La rezultoj de la enketo, tie ĉi resumitaj, estis la kerno de magistriĝa disertaĵo en Lingvosciencoj de Irene Caligaris, referanto prof-ro Federico Gobbo, plensukcese defendita de la kandidatino la 10-an de Julio 2015 en Torino. Fakte, la disertaĵo (460 densaj, A4-paĝoj) obtenis la plej altan eblan poenton (110/110) kaj laŭdon (latine: *cum laude*).

*Ĉefaj trajtoj de la lingva repertuaro*

La lingva repertuaro estas la aro de la lingvoj en kiuj ĉiu individuo havas ian kompetnetecon, eĉ nur pasivan (ekz. legokapablo). La mezurilo uzita por la memtaksado estis la Komuna Eŭropa Referenckadro (KER). Krom la itala, la gepatra(j) lingvo(j) de la partoprenantoj tre varias, sed preskaŭ ĉiam temas pri eŭropaj lingvoj. Ĉeestis neniu angla denaskulo, sed ĉeestis denaskuloj de Esperanto.

Esperanto estas la plej konata ne-gepatra lingvo, sekvata de la angla. Multaj partoprenantoj deklaras la konon de multaj lingvoj, sed en la kontrolo-demandoj pri la uzo-kunteksto (ekz. familio, studado kaj laborado, vojaĝo kaj hobio, ktp) nur parto de la repertuaro estas efektive uzata: deklari "larĝan" plurlingvismon evidente estas taksata pozitive en Esperantujo. La angla estas ĉefe uzata por labori (la ideo estas: *business language*), dum Esperanto estas efektive la ĉefa *lingvo de amikeco*.

Menciindas ekster-lerneja uzo de klasikaj lingvoj (ĉefe Latino kaj la helena, sed ankaŭ Sanskrito kaj la malnova hebrea), por legi, sed ankaŭ, en kelkaj kazoj, por paroli.

*Mult-faceta esperantisma identeco*

Tutan sekcion de la demandaro oni dediĉis al Esperanto. Kvankam la granda plejmulto taksas la lingvon "utila ilo por faciligi komunikon inter ĉiuj civitanoj de la mondo" kaj por "limigi lingvan malegalecon", estas sufiĉe granda parto kiu *ne* konsideras Esperanton anstataŭanto de la "angla kiel internacia komunika lingvo". Interese, kelkaj *fieras* paroli Esperanton, sed samtempe kaŝas ĉi tiun lingvokapablon al la ekstera mondo.

Al la demando 29: "ĉu vi konsilus al amiko lerni Esperanton? Kial?" venis buntaj respondoj: amuziĝo dum la kunvenoj; novaj vojaĝebloj; facileco lerni aliajn lingvojn poste; persona spirita kaj kultura riĉiĝo; homa interfratiĝo.

La Zamenhofa *interna ideo* kaj la pionira aliro do daŭre vivas, sed la *krizo de identeco* de la Manifesto de Raŭmo (1980) estas ankoraŭ konsiderata aktuala. Spite al tio, la ĉefa ideologia referenco estas la Manifesto de Prago (1996), ĉefe en la dua parto – plurlingveco, lingvaj rajtoj kaj lingva diverseco aperas kiel ĉefaj valoroj de esperantismo en multaj respondoj.

*Minoritataj lingvoj kaj Esperanto: ĉu alianco?*

La kono de la lingvopolitikaj defioj rilate al la minoritataj lingvoj estas parto de la kunkonaro de la partoprenantoj, eĉ de tiuj kiuj *ne* parolas unu minoritatan lingvon (la plejmulto). Interese, por la plejmulto de la *junaj* partopren-antoj "Esperanto havas trajtojn similajn al minoritataj lingvoj", dum por la pli *maljunaj* la simileco estas malpli evidenta.

*Aliroj al denaskismo*

Paroli al la gefiloj en Esperanto ekde la infanaĝo estas komuna deziro inter la intervjuitoj (eĉ malplimulto jam tion faris) sed flanke de la propra gepatra lingvo. Mal-granda malplimulto male taksas denaskulojn nocaj al Esperanto entute.

*Divers-nivela ideo de nacieco*

Multaj deklaris *plurajn* naciecojn, ofte ordigitajn laŭ 2-3 niveloj, ekz. (C.12.44) "Eŭropa, itala kaj piedmonta." Multaj aliaj deklaris male nenian aliĝon al nacieco, kaj sin difinas "mondcivitanoj".

Figuro 3: La afiŝo prezentita en la UK kune kun Irene Caligaris




Tekst **Emma Kemp**

## *Mythische taalkunde*

de Oude Taal van Eragon

*Twee studenten Engels en één student Taalwetenschap hebben Chrisopher Paolini, de schrijver van de Eragon-trilogie, weten te verbazen met hun uitwerking van the Ancient Language. Emma Konijn, Sophie Brouwer en Susannah Dijkstra kregen de opdracht van Federico Gobbo bij het vak Interlinguistics. In dit interview lees je hoe leerzaam en leuk het was en hoe ingewikkeld het soms kon zijn. De Eragon-trilogie gaat over een wereld, Alagaesia, die ooit werd geregeerd door drakenrijders: mensen en elven die een band waren aangegaan met draken. Tot Galbatorix de macht greep, zichzelf tot alleenheerser uitriep en alle drakenrijders om zeep hielp. De elven trokken zich terug naar het noorden, in het zuiden bevinden zich nog rebellen die met dwergen samenwerken. Het verhaal draait vooral om de jongen Eragon, die een drakenei vindt. Met zijn draak Saphira vormt hij een band die bepalend blijkt te zijn voor het lot van het hele land.*

***Waar hebben jullie alle informatie voor de taal vandaan gehaald?***

Emma: 'Eerst moesten we een enorme verzameling maken van wat we hadden en daar de regels uitputten. Vervolgens hebben we zelf een set van regels gemaakt om te kijken wat er ontbrak. Niet alles was compleet, zoals voornaamwoorden. Om deze categorieën aan te vullen zochten we eerst naar vergelijkbare informatie in het Oud-Noors, daar is het meest de vocabulaire van afgeleid. De structuur van the Ancient Language komt vooral van het Engels. Zodra we het niet uit het Engels konden halen of als het Engels niet overeen kwam met het originele materiaal, moesten we toch van het originele materiaal uitgaan.'

Sophie: 'De woordvolgorde van de Ancient Language is SOV, dit komt ook van het Engels, dat een vrij rigide woordvolgorde heeft. Soms waren er twee verschillende constructies voor één Engelse constructie of andere onregelmatigheden, dan moesten we wel even bedenken hoe we het er in zouden verwerken.'

Emma: 'Een verschil in de consituentenvolgorde is dat in de Ancient Language adjectieven achter nomina komen te staan. Verder hebben we vaak uitzonderingen gemaakt, omdat het materiaal uit de boeken vooral voor officiële ceremonies is geschreven. Op deze manier kun je wel makkelijk zeggen dat het versteende uitdrukkingen zijn en konden we voor informelere taal nieuwe regels opzetten. Alle fansites zijn we ook afgegaan, omdat we op zoek moesten naar bestaande woordenlijsten die we met elkaar moesten vergelijken. Dit materiaal moesten we ook weer met de boeken vergelijken.'

***De combinatie van een Engelse syntax en een Oud-Noorse vocabulaire is niet echt origineel.***

Sophie: 'Het kán origineler, maar het is wel een leuke combinatie. Paolini is geen linguïst, hij is echt een schrijver. Dat hebben we hem ook aangerekend en daar heeft hij heel sportief op gereageerd. Paolini spreekt ook alleen Amerikaans en geen Noors.'

Emma: 'Onze opdracht is natuurlijk per ongeluk uit de hand gelopen, het had origineler gekund, maar sommige dingen konden we echt niet vinden in het Engels, zoals de honorifics, de officiële aanspreekvormen. Die hebben we uiteindelijk uit het Japans gehaald. Het IJslands hebben we voor de nummers gebruikt.'

Figuro 4: Fantastaj lingvoj: la vespero pri Tolkien kaj intervjuo pri *Eragon*